# PENSEO

N-ro 261

Jul. / 2013

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 24-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Mikaelo Bronsxtejn (Rusujo)



### Al miaj floroj

La konatoj diras : — Stulta viro
stultajn florojn bredas kun admiro !
Ja anstataŭ viajn bedojn sterki
povus vi poemojn novajn verki,
kantojn, noveletojn, eĉ romanojn,
sed ne mergi grunden l' kotajn manojn...



Tamen mi responde nur ridetas :
— Homoj, mi humile pardonpetas,
sed la bedfosado, estas tio
la ŝatata distro kaj hobio !
Sentas mi min malfeliĉa, se ne
ekfloradas io enĝardene.
La tulipoj, malvoj kaj dalioj
estas bonaj inspirantoj miaj,
peonioj, rozoj, krizantemoj
ja provizas min per novaj temoj,
do, pro miaj pensoj bonhumoraj
dankas vin mi, miaj karaj floroj!

## Anteo (Ĉinujo)



### tro riĉa

sur la kampo svarmas ovoj kaj moneroj.
por piedoj la kunmerdaj vojo ne troviĝas.
ekflugo, de kokejo al la lando promesita.
tie la kugloj el ekrano estas oraj, dolĉaj.

### tajfuno

malgraŭ varmogradoj konkava-konveksaj,
spite al ombrolumaj aerpremoj,
kvieto restas de piedoj al la kapo.
tajfuno naskiĝas danke al oblikva kirlo.



### por sekureco

la dialogo inter herboj arbojn ne ofendu.
la ĉielo kaj la tero apartenas nur al bestoj.
tondroj, muĝoj de dio far oro,
trafas nur feron putran en koto bovmerda.



## akvo kaj vento

akvo kaj vento ne havas oston,
ĉie kontentigas sin per sia sorto.
ŝtormo,
ribelo kontraŭ premo kaj ŝovo.



## Jadranka Miric (Serbio)



### Melankolio

Aŭtuna vesper'.
Tamburadas pluvgutoj.
Ĝojas seka ter'.

Aŭdiĝas kanto
melankolia por ci.
Haltas pasanto.

Dorna rakonto.
En ĝarden' velka rozo.
Revo sur ponto?



## Leieladonna (Meksiko)



### La vojo

Eterna vojo,
necerta vojo...
marŝante...

poste; rapida paŝo...
kurante...

marŝante poste...
nove...
malrapide,
sen hasti...

mi konis kelkajn ilojn...
por iri pli rapide,
kelkfoje,
provis fuĝi...

tiam...

mi ne volis kuri,
ne estas loko kien iri...
por fuĝi, ne...

ne...
neniu eskapas...

ne estas loko kien iri...

se mi havus flugilojn...
mi flugus...
flugus tre diste...
tre diste...

trairus la marojn...
mi serĉus mian sunon...
mi brakumus lin...
mem bruligus min en li...

la libero de la vojo ?

ne...

mil vivoj...
ne sufiĉus
por atingi...
kien mi volas...

estas la pado
kiun mi duonvidas
al la horizonto...

la koloroj en la distanco
oni perdas...
kiel en sonĝoj...

estas pli intensa ĉi tien,
kien mi enas...
pli reala,
pli farebla...
Mi povas vidi la vojon...
sekvi mil padojn...
tamen...

ĉiuj alportas...

saman...

lokon...



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### LA PACO ESTAS KRISTANA

Koloniperiodaj kaheloj, vi ĉiuj
Senkoloraj fariĝu! Belecon de vi tuj
Rememoroj makulu malprude, sen honto!
Trompintence vi, belaj, aspektis al mondo.

Kristanigi paganajn sovaĝajn praulojn.
Ne! Hodiaŭ plej urĝe: sieĝi la murojn
De la ĉina jarmila sendia popolo.
Ni prezentos incenson kaj mirhon kaj oron.

Ni almiksu porpacan agadon kaj masku...
Ne permesu, ke ili memstare nin taksu.
Amaskomunikiloj amase utilos.

Disvastiĝos, ke ordon nur konas kristano.
Ni, per deca doktrin', mondmilite konsilos.
Bonvole vi komprenu do nian homamon.



## Petro Palivoda (Ukrainio)



### Koro

mi lasis ĉe vi
mian koron
kiam foriris
surmetis ĉapelon
kaj enĵaketiĝis
piedvestis
kaj prenis saketon
sed koron mi lasis
ŝajne ĝi restis
surtable
inter libroj

koro kuŝadis
kaj pulsis
kaj poste
sin kovris per polvo
kaj kiam oni ordigis
oni diris
kia malnecesaĵo
kaj ĵetis en balaaĵujon

kiam mi iras surstrate
homoj timegante
diskuras
ĉar homo
sen koro
estas terura



## SENMORTECO

mi mortos
kiam pluvo
batos kontraŭ
fenestrojn
kaj min doloros
aŭ ne
mi ne mortos
kiam pluvos
mi mortos
kiam suno
ridetos
sed min doloros
aŭ ne
mi ne mortos
kiam sunos
mi mortos
kiam
aŭ ne
mi ne mortos



## Mori (Usono)






Inter naskiĝo kaj morto
ne tre longas la vojo
ni do trairu la vojon
kun amo, pac' kaj ĝojo!

## Siv Burell (Svedio)



## La lingvo esperanto

Ministro edukada, vi forgesis
proponi al lernej'
la lingvon kiu ĉesis
torturi al pere'
lernanton sen la emo
fiksiĝi je la temo
de gramatika premo
Pli facilan lingvon volas ni!

Min logas Esperanto
kaj ĝia mondrigard'
Sed kie ĝi troviĝas
la tuta hombrigad'
kun emo por legado
kaj sperto je skribado
kaj ofta babilado
en skajpo kaj en ver'?
Pliiĝas nia sfer'
per esperantamikoj sur la ter'.

Se iu solas dum Kristnask'
Se iu solas dum Kristnask'
mi sentas min premata
sed aliflanke - ĉu estas mia task'
zorgi pri solulo, kunece malsata
Mi silentigas la konsciencon tiel

ke ne eblas zorgi pri ĉiuj iel.

Plej bonas la senriska labortago
kun nur la propra famili'
eviti pensi pri ĝena ago
malfermi sian domon pro sci'
ke iu bezonas nin
la tipa svedo evitas ĝin
Ni pretas al ioma subten'
per impostoj sufiĉe altaj
sed homo en anima pen'
bezonas iun alian
Mankas kunparolanto
do haltu kaj preĝu
ke ĉiu svedo estu kunfratanto
vekiĝinta el dorma vanto.




## Erzsébet Tuboly (Hungarujo)



### Somervespere

Dolĉe odoras
La florantaj tilioj,
Kaj mi...solecas.



### La paŝtistoj foriras

(popola kanto)

La paŝtistoj foriras
al Ekstremaduro;
tra la montaro svenas
ombra murmuro.

La paŝtistoj foriras
ili marŝas lante;
kaj multaj junulinoj
restas plorante.

La paŝtistoj foriras,
la ŝafejoj foras;
la montoj silentiĝas
kaj sombre ploras.

*Esperantigis*



## Svena Dun (Hispanujo)

## Yuridia (1986--)



### Citis vin Adela

Citis vin Adela.
Citis vin Adela.
Citis vin Adela.
Citis vin Adela.

Doktor', vi morgaŭ ne eltirus mian denton
eĉ se turmentus min dolor'
Doktor', vi morgaŭ ne eltirus mian denton
eĉ se turmentus min dolor'

ĉar laŭdire la pasintan nokton
vi diboĉadis ĝis aŭror'.
ĉar laŭdire la pasintan nokton
vi diboĉadis ĝis aŭror'.

Kiu klaĉadis pri mi?

Citis vin Adela.
Citis vin Adela.
Citis vin Adela.

Citis vin Adela.

Doktor', vi morgaŭ ne eltirus mian denton
eĉ se turmentus min dolor'
Doktor', vi morgaŭ ne eltirus mian denton
eĉ se turmentus min dolor'

ĉar laŭdire la pasintan nokton
vi diboĉadis ĝis aŭror'.
ĉar laŭdire la pasintan nokton
vi diboĉadis ĝis aŭror'.

Ve al vi Adela.
Ve al vi Adela.
Ve al vi Adela.
Ve al vi kiam mi renkontos vin.
*Esperantigis*

## Svena Dun (Hispanujo)



**Wisława Szymborska (1923-2012)**



## KATENOJ

Tago varma, hunda budo, hundo je katen'.
Kelkajn paŝojn apude bovlo akvoplena.
Sed kateno tro kurta kaj la hund' soifas.
Al bildo ni aldonu novan elementon:
niaj multe pli longaj
kaj malpli videblaj katenoj,
dankal kiuj ni povas komforte preterpasi.
*Esperantigis*



## Helena Tylipska (Italujo)

**Brigitte Fontaine (1939--)**



## STELOJ EL PRUJNO

La granitflora senmmorteco, la hoteloj luksaj eltranĉitaj el glacio, kun ursfeloj sur la litoj, oranĝujoj, citronujoj, gloro, la glitveturiloj kaj flirtantaj peltoj, tiuj ne estas por ni, sed ni povas kontentiĝi per malgranda kafujo el aluminio, povraj braĝoj en kameno, kvin infanetoj dormantaj en unu ĉambro, kaj poste per tombo mallarĝa kaj iom florumita, kaj ni iras kien, en lumon, en nekoneblaĵon, ni estas steloj el prujno aŭ nigraj truoj veluraj kiel vespertoj, ni estas eternaj submetituloj, ni estas kristaliĝanta salo, sukero, karbo, ni estas vagecoj glacecaj eble, grizaj, malgajaj, trikaĵoj senfine longaj, por eterno, ni estas la glaciiĝo dezerta de aziuloj, ni estas eble benjetoj el ruĝaj fazeoloj manĝitaj de krudulo, ni estos ĉifonvestita malpurpieda princino, verŝo el sango, fulmotondra nubo; estas kiel tiuj, kiuj diras, ke ili dezirus vivi ekzemple en la dekoka jarcento, sed pensu, preskaŭ ĉiuj, ili estus vivintaj nudpiede, kun malplena stomako, laborante senĉese, kliniĝintaj, elĉerpitaj, mortigitaj dudekjaraĝe en nekompreneblaj de ili militoj, kompatindaj popoluloj; sed kelkaj sekrete geniaj sukcesis foje esti ĝojaj, ekzemple kun virino, viro, dancoj ĉirkaŭ fajro, rubandoj en festtagoj, nekredeblaj akrobataĵoj, stupo, felsakoj plenaj de brando por ekflamigi; kaj tiu amoro, kiun kelkaj malkovras, la genio de amoro malkovrita mirinde spite la malscio, ĉiam estis, kredu min, da tiaj amantoj, kiuj plenumiĝis kaj jubilis, jes ja, estis da ili, estas, estos tuta tiu miksaĵo ragua kanibala, estas plu ĉiam tiu rido por malriĉuloj, kaj eble plezuro aŭ pli bone la riĉaj plezuroj, kiuj havas ĉion, kaj

nenion, kiuj posedas ĉion, manpleno da homoj, tiom malmultaj, ke tio preskaŭ ridigus, tiom estas ridinde.

el *Bona popolo de l'sango esperantigis*



**Roland Platteau (Francujo)**

## Mikrorakonto

## Ŝiaŭ Ŝujren

## Korŝira amo

Antaŭ ol interŝanĝi donacojn kun ŝi, mi konatiĝis kun ŝi jam duonjaron. Se ne ekpenso subite venus al mi, nia rilato eble daŭrus dum la tuta vivo.

En Valentena Tago mi ricevis ŝian donacon la unuan fojon. Mia koron, kiu ne forte vibris jam de longe, nun atakis kaŝa skrupulo, kiu akompanis min dum posta rilatado inter ni. Tiufoje mi reciprokis donacon de kisantaj infanoj el porcelano. Kiel mi faris la samon en reciproka interrilatado, mi donacis ĝin por esprimi mian korinklinemon al ŝi. De tiam ni interŝanĝis donacojn foje ĉiumonate. Kaj krome ni ofte verŝis koron en reta babilejo. Iutage ŝi demandis al mi, kiam mi donos al ŝi surprizon. Ŝia demando neeviteble realigis mian antaŭsenton kaŝitan en mia korfundo.

La sekva Valentena Tago ĝuste estis la tempopunkto de unu kaj duona jaroj de nia interkonatiĝo. Tiun tagon mi kaŝe iris al la urbo, kie ŝi loĝis. Ĉar mi poŝtsendis donacojn al ŝi, ŝia adreso ne estis sekreto al mi. Kvankam tiam estis printempo, ne sentiĝis printempa etoso. Mi alvenis al ŝi pordo kaj premis butonon de la pord-tintilo. La pordo malfermiĝis, kaj jen aperis viro!

Ŝi kelkfoje diris, ke ŝi loĝas sola, kaj mia instikto asertis, ke li estas ŝi. Pro ĝentileco mi eniris lian ĉambron. Sur la murangula ŝranko, mi trovis la donaco de porcelana infanparo, kiun mi donacis al li la unuan fojon. Tamen unu el la infanoj jam estis anstataŭigita per vir-infano. Post iom da ĝentila babilado mi foriris per preteksto.

Li forsendis min ĝis la lifto. Kiam ĝia pordo fermiĝis, mi ekploris. Larmoj perlis de sur miaj vangoj, gutante sur la kolumon, eĉ sur mian vest-baskon. Mia koro disŝiriĝis.

*Elĉinigis* **Fangfang (Ĉinujo)**

## Hou Jianzhong

## Kaŝi ŝuon

En urbeto patro malpermesis al sia filino ludi ekstere kaj kontakti aliajn junulojn. Vidinte siajn amikinojn ĝui liberan enamiĝon, ŝi ege malĝojis pro sia malbona sorto.

Iumatene ŝi intence kaŝis ŝuon de sia patro. Li priserĉis la tutan ĉambron por trovi ĝin, sed vane. Poste li vole nevole sin turnis al sia filino. Ŝi redonis al li la kaŝitan ŝuon, mallaŭte dirante: “La ŝuoj postulas paron, ĉar per sola ŝuo oni ne povas iri. Kial mi devas ĉiam resti soleca en la hejmo ĝis morto?”

La patro fine venis al la kompreno kaj permesis al la filino kontaktiĝi kun aliaj homoj.

*Elĉinigis* **Verdeca (Ĉinujo)**

## Ĉineske

**Vejdo (Ĉinujo)**



## Navigado en spaco

*Gratulon al sukcesa pafado de spacoŝipo Shenzhou-10*

—laŭ ĉinesko Mantingfang*

Sur dezerto
spacoŝipo
rekte leviĝas sor
en aeron.
Kun forta motor'
ĝi navigas cele
al orbit'
en fiksa hor'.
Ĝi flugas
destinite
por spac-esplor'.

Kun kor'
sindona
astronaŭtoj
per mallangvor'
plenumas taskojn
en spaco for.
Jen por la homaro
kaj patruj'
ili per fort'
kuniga
certe agas
en sukcesa glor'.



**Mantingfang (Aromo plenas en korto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 12 versoj respektive de 446,45,634,345/ 2,344,54,634,345 silaboj, kun rimaranĝo de xxa,xa,xxa,xxa/ a, xxa, xa, xxa,xxa (x=senrima).*

## Jadranka Miric (Serbio)



### Kial oni elektas militon?

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Milito.
Danĝera vorto.
Kunportas malfeliĉon.
Morto en ĉies korto.
Tragika sorto.

Metodo
mire varias.
Iam palisumi, nun
satelite magias.
Popolo pias.

Invado
sur batalkampo.
Kaduka soldataro.
Bruletas krucolampo.
Surda homrampo.

Milito
min sathororas.
Sen indulgo longtempe.
Malamo tre doloras .
Ĉies dom' ploras.

Preĝoj por
malnova ponto,
tuj malamon forigas .
Depresio pro honto
je via konto!

### Felix Romuliana

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Palaco
fama restadej'
Felix Romuliana.
Sur la Magura tombej'
homoj -Dioj, ej'.

Apotez'
jes, unu el mil'.
En ĥrista antaŭvesper`.
La lasta pagana il',
por panjo kaj fil' .

Fontano,

blankaj kolonoj,
skribaĵ’ sur arhivolto.
Jes, por ontaj rekonoj.
Eĥadas sonoj.

Belegas
tiu labirint’ .
Vidinda heredaĵo,
atingita dia pint’,
de unu mortint’.

Hodiaŭ
popola rito
de antikva Palaco.
Jen, turista profito,
pro panjomito.



** En pasinta majo zajeĉaranoj festis 50-jariĝon ekde la unua trovita eltrovejo troviĝanta sur altaĵoj en Gamzigrad banloko (11km malproksime de la urbo Zajeĉar, situanta en la orienta parto de Serbio, en Timoka kaj Negotina regionoj).*

*Danke al tiama arkeologo Dragoslav Srejoviĉ ekis grandaj arkeologaj laboroj kiuj donis multajn valorajn eltrovaĵojn kaj la plej granda kaj valora estis Palaco de romia imperiestro Gajo Maksimiliano en la komenco de nova erao (la 2a kaj 3a jarcento). Hodiaŭ ĝi estas unu el multaj komunaj eŭropaj heredaĵoj.*

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Yanke (Ĉinujo)

### Disiĝo

—laŭ ĉinesko Pozhenzi*

1.

Kiam en enamiĝ’
ili diris vere,
ke ili ja neniam
disiĝos laŭlibere
senkonsidere.

Sed jame disiĝis
ili malespere.
Kvinjara kunvivado
finiĝis degenere
kvazaŭ ulcere.

2.

Li diris malpeze,
ke li vivas lace
kun ŝi en la sama dom’,
lin tormentas agace
kuniĝ’ senpace.

Ŝi korŝiron sentis
mordis lipojn ŝmace.
Ŝi jam pentis pri tio
kaj jesis ja aŭdace
miengrimace.

3.

Jes, ili disiĝis.
Ŝi kun larmofluo
levis sian kapon al
bela ĉiela bluo
sen plora bruo.

Kun malplenaj manoj
li per paŝa skuo
perdis koramatinon
pro persista enuo
de am-detruo





**Pozhenzi (Kavalira danco): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 5 versoj de 66,77,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x = senrima)*

# Maupassant (1850-1893)



## LA PINGLOJ

—Ha ! Mia kara, kiaj maliculoj la virinoj !

— Kial vi diris tion ?

— Tial, ĉar ili abomene trompis min.

— Vi, ĉu ?

— Jes, mi.

— Ĉu la virinoj, aŭ unu virino ?

— Du virinoj.

— Ĉu du virinoj samtempe ?

— Jes.

— Kiel ili trompis vin ?

La du junuloj sidis sur la teraso de granda trinkejo de la bulvardo trinkante likvorojn miksitajn kun akvo, unu el tiuj aperitivoj, kiuj aspektas kiel infuzaĵoj faritaj per ĉiuj nuancoj el akvarela skatolo.

Ambaŭ havis proksime la saman aĝon: inter dudek kvin kaj tridek jarojn. Unu estis blonda kaj la alia bruna. Ili havis la duonelegantecon de la makleristoj, iuj viroj kiuj iras al la Borso kaj en la salonojn, kiuj ĉie frekventas, vivas kaj amoras. La brunulo reparolis:

— Mi jam parolis al vi pri mia amrilato kun tiu burĝineto, kiun mi renkontis sur la plaĝo de Dieppe, ĉu ne ?

— Jes.

— Mia kara, vi ja scias pri kio temas. Mi havis amorantinon en Parizo, unu kiun mi ege amas, malnova amikino, bona amikino, fine iu kutimulino, kaj tio gravas por mi.

— Pri via kutimo, ĉu ?

— Jes, pri mia kutimo kaj ankaŭ ŝi. Ŝi estas edziniĝinta kun bravulo, kiun ankaŭ mi tre amas, unu bona knabo tre kora, vera kamarado… Fine estas domo, kie mi lokigis mian vivon.

— Nu !

— Nu ! Ambaŭ ne povas deiri Parizon, kaj mi troviĝis vidvo en Dieppe.

— Kial do vi iris al Dieppe ?

— Por spiri alian aeron. Ni ne povas daŭre restadi sur la bulvardo.

— Tiam ?

— Tiam, sur la plaĝo mi renkontis la etulinon, pri kiu mi parolis al vi.

— La edzino de la oficejestro, ĉu ?

— Jes. Ŝi enuegis. Cetere ŝia edzo venis nur ĉiudimanĉe, kaj li estas malbelega. Mi ja komprenas ŝin. Do ni ridis kaj dancis kune.

— Kaj la cetero, ĉu ne ?

— Jes, sed pli malfrue. Fine, ni renkontiĝis, ni plaĉis unu la alian, tion mi diris al ŝi, tion ŝi igis rediri al mi por pli bone kompreni, kaj ŝi ne metis obstaklon.

— Ĉu vi amis ŝin ?

— Jes iom, ŝi estas tre dolĉa.

— Kaj la alia ?

— La alia estis en Parizo… Fine, dum ses semajnoj, ĉio iris glatege kaj ni revenis ĉi tien en la plej bonaj amikaj rilatoj. Ĉu vi scias ĉesigi rilaton kun virino, kiam vi ne havas eĉ unu motivon por tion fari ?

— Jes, tre bone.

— Kiel vi faras ?

— Mi forlasas ŝin.

— Sed kiel vi agas por forlasi ŝin ?

— Mi ne iras plu al ŝia loĝejo.

— Sed se ŝi venas ĉe vi ?

— Mi… mi ne estas tie.

— Kaj kiam tamen ŝi revenas ?

— Tiam mi diras al ŝi, ke mi estas malsaneta.

— Se ŝi flegas vin, ĉu ?

— Mi… faras al ŝi malicaĵon.

— Se malgraŭ ĉio ŝi ne reagas !

— Mi skribas anonimajn leterojn al ŝia edzo, por ke li priatentu al ŝi la tagojn, kiam mi atendas ŝin.

— Tio gravas… Persone mi ne rezistas. Mi ne scias ĉesigi amrilaton. Mi kolektas ilin. Estas iuj, kiujn mi nur vidas unufoje ĉiujare, aliaj ĉiuj dek monatojn, ankoraŭ aliaj ĉe la momento de la pagdato, aliaj la tagojn kiam ili deziras vespermanĝi en kabaredo. Tiuj, kiujn mi maloftigis la rilatojn ne ĝenas min, sed ofte mi multe klopodas kun la novulinoj por iom malproksimigi la renkontojn.

— Tiam…

— Tiam, mia kara, la etulino de la oficejestro brulis de amo kaj pasio, havis nenian malpravecon, kiel mi diris al vi… Kaj ĉar ŝia edzo pasigas ĉiujn siajn tagojn en la oficejo, ŝi povas neatendite alveni hejmen. Dufoje ŝi preskaŭ sin renkontis kun mia kutimulino.

— Diable !

— Jes. Do mi donis al ĉiu el ili vizittagojn, fiksajn tagojn por eviti la konfuzojn. Lundon kaj sabaton al la malnovulino. Mardon, ĵaŭdon kaj dimanĉon al la novulino.

— Kial tia prefero ?

— Ha ! Mia kara, ŝi estas pli juna.

— Tio donis al vi nur du ripoztagojn ĉiusemajne !

— Tio sufiĉas al mi.

— Gratulojn !

— Nu, imagu al vi, ke mi ĵus travivis la plej ridindan kaj plej ĝenan aventuron. Jam de kvar monatoj ĉio iris glate, mi dormis trankvile, kaj vere mi estis tre feliĉa, kiam subite lastan lundon ĉio fiaskis. Fumante bonan cigaron, mi atendis mian kutimulinon je la interkonsentita horo, tio estas je la unua kaj kvarono.

Mi vagrevadis, tre kontenta pri mi, kiam mi rimarkis, ke estis pasinta la horo. Mi estis surpriza, ĉar ŝi estas tre akurata. Sed mi kredis pri malgranda akcidenta malfruo. Tamen pasas unu duonhoro, poste unu horo, unu horo kaj duono, kaj mi komprenis, ke ajna afero devis malfruigi ŝin, eble kapdoloro aŭ tedulo. Tiuj aferoj, tiuj senutilaj atendadoj, estas tre enuigaj, tre enuigaj kaj tre nervozigaj. Fine mi rezignaciis kaj eliris, ne sciante kion fari mi iris al ŝia loĝejo.

— Mi trovis ŝin legante romanon.

— Nu ! Mi diris al ŝi.

Ŝi trankvile respondis al mi :

— Mia kara, mi ne povis, mi estis malhelpata.

— Per kio ?

— Per… per okupoj.

— Sed… kiaj okupoj ?

— Per teda vizito.

Mi opiniis, ke ŝi ne volas diri al mi la veran kialon, kaj ĉar ŝi estis tre kvieta, mi ne plu maltrankviliĝis. Mi tuj planis regajni la perditan tempon, la postan tagon, kun la alia.

Do la mardon, mi estis tre… tre emociita kaj tre amema, atendante la edzineton de la oficejestro, kaj eĉ mirigita pro ke ŝi ne anticipu la interkonsentitan horon. Ĉiumomente mi rigardis la horloĝon, sekvante senpacience la montrilon.

Mi vidis ĝin preterpasi la kvaronon, poste la duonon, poste du horojn… Mi senĉese moviĝis, trapasante grandpaŝe mian ĉambron, gluante mian frunton ĉe la fenestro kaj orelon kontraŭ la pordo por aŭskulti ĉu ŝi suprenirus la ŝtuparon.

Jen alvenas la dua kaj duono, poste la tria… Mi ekkaptis mian ĉapelon, kaj ekkuris al ŝia loĝejo. Romanon, mia kara, ŝi legis.

— Nu ! Mi diris kun anksieco.

Ŝi respondis, tiom trankvile kiom mia kutimulino :

— Mia kara, mi ne povis, mi estis malhelpata.

— Per kio ?

— Per… per okupoj.

— Sed… kiaj okupoj ?

— Per teda vizito.

Kompreneble mi tuj supozis, ke ŝi [eĉ ambaŭ] la tuton sciis, sed tamen ŝi aspektis tiom kvieta, tiom paca, ke fine mi forpelis

mian suspekton, mi kredis pri stranga koincido, ne povante imagi tian kaŝadon koncerne ŝin. Kaj post unu horo de amika konversacio, interrompata cetere per dudeko da envenoj de ŝia eta filino, mi devis foriri tre ĝenata.

Kaj imagu al vi, ke la postan tagon…

— Okazis la sama afero, ĉu ?

— Jes… kaj ankoraŭ la postan tagon. Tio tiel daŭris dum tri semajnoj, sen klarigoj, sen ajna okazaĵo malkovrigu al mi tiun bizaran kondutmanieron, pri kiu tamen mi eksuspektis la sekreton.

— La tuton ambaŭ sciis, ĉu ?

— Kompreneble ! Sed kiel ? Ha ! Kiom da turmentoj mi havis antaŭ mi eksciu.

— Fine kiel vi sciis ?

— Per leteroj. Ambaŭ definitive ĉesigis, la saman tagon, per la samaj vortoj, nian amrilaton.

— Poste, kio ?

— Jen… Vi scias, mia kara, ke la virinoj ĉiam surhavas aron da pingloj. La harpingloj, ilin mi konas, ilin mi malfidas, kaj mi viglas super ili, sed la aliaj estas multe pli perfidaj, tiuj perfidaj etaj pingloj kun nigra kapo, kiuj aspektas al ni ĉiujn similajn, al ni dikaj stultuloj ni estas, sed ke ili distingas, kiel ni distingas ĉevalon ol hundo.

Nu, ŝajnas ke iam la eta edzino de la oficejestro lasis unu el tiuj rivelaj iloj enpikita en mia drapiraĵo, apud mia spegulo.

Mia kutimulino, ekde la unua ekrigardo, ekvidis sur la ŝtofo tiun malgrandan nigran punkton, dika kiel pulo, kaj nenion dirante ŝi ekprenis ĝin, kaj ĉe la sama loko enpikis unu el siaj pingloj, ankaŭ nigra, sed el malsimila modelo.

La postan tagon, la edzino de la oficejestro volis repreni sian bienon sed ŝi tuj rekonis la anstataŭon; tiam suspekto alvenis al ŝi, kaj ŝi enpikis du pinglojn, krucante ilin.

La kutimulino respondis al tiu telegrafa signo per tri nigraj buletoj, unu super la alia.

Tuj kiam tiu ludo estis komencita, ambaŭ daŭrigis la komunikadon, ĉiam nenion dirante, nur por sekrete sin gvati reciproke. Poste ŝajnas, ke la kutimulino, pli aŭdaca, volvis laŭlonge de la eta ŝtala pinto maldikan paperon, sur kiu ŝi estis skribinta: "Poŝtrestante, bulvardo Malesherbes, C.D."

Tiam ili interkorespondis. Mi estis kondamnita. Vi ja komprenas, ke la afero ne glate iris en la komenco. Ili atente progresis, per mil ruzoj, kun la tuta necesa singardemo en tia kazo. Sed la kutimulino faris aŭdacan faron, kaj difinis rendevuon al la alia.

Kion ili sin diris reciproke, mi ne scias. Mi scias nur, ke mi suferis la konsekvencojn de ilia interparolado. Jen la fino.

— Ĉu estas la tuto ?

— Jes.

— Ĉu vi ne vidis plu ilin ?

— Pardonu, mi ankoraŭ vidas ilin sed nur amike, ni ne komplete ĉesigis la rilaton.

— Kaj ambaŭ, ĉu ili sin revidas unu alian ?

— Jes, mia kara, ili fariĝis intimulinoj.

— Jen vidu ! Kaj ĉu tio ne donas al vi ideon ?

— Ne, kio ?

— Ega stultulo, la ideon ke vi repikigu al ili duoblajn pinglojn.

La 10-an de januaro 1888

*Elfrancigis*

**Noĉjo Lagrafo (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_